

Año III (N.° 30)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 6

JUNIO 1951

RUZAFA, 7 VALENCIA (ESPAÑA)

**NEPRE!** Este es el adverbio que, en Esperanto, tiene el preciso significado de ineludible e inexcusable. Todo junto, así: Nepre..! Y esa es la palabra adecuada, que viene como anillo al dedo, al referirnos al triunfo del Esperanto. No basta la inconmovible persistencia de la lengua auxiliar, pese a guerras, persecuciones, dificultades fronterizas, conatos de concurrencia de otros idiomas, nuevos unos y remendados otros. No basta la progresiva difusión de la maravillosa lengua en los medios científicos, turísticos, comerciales, diplomáticos y pedagógicos. No basta la admiración que produce, en los filólogos más destacados del mundo entero, la perfección del idioma creado por Zamenhof. No basta el espaldarazo que los mejores lingüistas de la Sociedad de Naciones y de la O. N. U. han dado al Esperanto, como idioma perfectamente adaptable al uso corriente de la vida, al comercio, a las ciencias... No basta tampoco que la lengua auxiliar haya demostrado su maravillosa adaptación a la poesía, demostrando su idoneidad para conmover con su lírica, embelesar con su acento, exaltar con su épica, y, lo que es más difícil, distender con su sátira.

Bastaría, sí, abrir los ojos y ver la perfecta utilización de este idioma entre la numerosa familia esperantista, que, extendida por todos los confines del mundo, lo emplea como si fuese el nativo, no solo para la seca y protocolaria necesidad epistolar, sino en la más efusiva y afectuosa exteriorización de una real estimación que no reconoce color, distancia ni límites. Bastaría ver con que pena se dicen: «Ĝis revido!» los esperantistas pertenecientes a distintas nacionalidades, después de haber pasado juntos unos días, o tan solo unas horas, de auténtica y sincera compenetración.

Así, pues, basta asistir a un congreso esperantista, para que toda idea preconcebida contra el Esperanto se desvanezca. No solamente se puede comprobar en las reuniones esperantistas la perfecta capacidad del idioma, para toda clase de disertaciones y controversias, sino que en ellas se puede observar el espíritu verdaderamente constructivo y fraterno del tono general en amplios debates.

No muy lejos tendrá que ir aquel que quiera comprobar al mismo tiempo estas dos características del esperantismo: la maravillosa utilización del idioma y la admirable compenetración de los más heterogéneos componentes de su gran familia. Sin salir de España, en la progresiva Cataluña, en la industriosa Tarrasa, podrá apreciar todo el que quiera abrir los ojos y tener atentos los oidos, cómo gentes de las más lejanas tierras se comprenden, tal vez mejor que los gallegos con los andaluces. Y no dejará de notar que todos los componentes de esa familia tan extensa tienen de común: su exaltado sentido moral, su ausencia de prejuicios raciales, su generoso sentido de la amistad, y, en el limitado ambiente congresal, la más sorprendente ausencia de egolatría, egoismo y tendencia. Y después de comprobar la perfección del Esperanto como idioma, y la admirable formación moral del esperantismo como movimiento espiritual, no puede haber quien niegue el ineludible y lógico triunfo del Esperanto como idioma auxiliar y como espejo de moral. Nepre...

**SAME KIEL GUTO, FRAPANTE KONSTANTE, TRABORAS GRANITON!**

## SE...

de María Luisa de Oliveira

Lernantino dum unu jaro en la Cseh - Kurso de S-ro F. Souza; Almada en Santos (Brazilo)



Se vi petas,
konfidu
sen dubo!

Se vi volas,
atendu
sen malespero!

Se vi malamas,
pardonu
sen hezito!

Se vi suferas,
ploru
sen plendo!

Se vi amas,
sonĝu,
konfidu,
atendu,
pardonu,
ploru,
kaj nenion petu!

# PROJEKTO DE MONUNUO

«Ĉu la esperantistaro ne rajtas, kiel vera kaj aŭtentika tutmonda homarero, starigi en la nuna momento propran monunuon? Kia devas esti tiu monunuo?»

—

La du demandoj estas jam de longe proponitaj al la esperantistaro; kaj al ambaŭ oni donis, ankaŭ de longe, konvenan respondon: Ekzistas nuntempe (almenaŭ ĉi tie en Hispanio) la opinio, ke nur la oficialaj instancoj rajtas vendi aŭ aĉeti al (de) eksterlandanoj; kaj ke, ĝuste pro tio, oni eĉ ne pensas pri ebleco de ekzistado de alia monunuo, krom la peseto.

Sed tio ne estas vero; ĉar kompreneble nia lando rajtas, eĉ en ĉi tio, malsimili al aliaj landoj.

Do ankaŭ ni, hispanoj, povas tute jure aĉeti kaj vendi liberajn varojn, nome presaĵojn. Monunuo povas esti «Stelo» se nur ni ĝin difinas per neŝanĝebla maniero. Jen eblaj difinoj: »Stelo estas prezo de 0'8 Kgj. da tritiko» aŭ «Stelo estas triona parto de jarkotizo al tiu Asocio» aŭ «Stelo estas prezo de 0'2 Kgj. da blanka sukero, k.t.p.

Simple, ĉi tio estas ideo pri farebla tutmonda konsento inter esperantistoj; kaj, tiamaniere, post pripensita, diskutita kaj plene konsentita aranĝo, la esperantistaro povos tute senzorge liveri ĉiamvalidajn kotizojn por ĉiuj niaj interŝanĝeblaj servoj, revuoj kaj abonoj. Monsignoj estas tute nenecesaj; pro tio ke enlande la esperantistoj povos uzi sian landan monon; kaj eksterlande sufiĉos reciproka interŝanĝo de permesitaj eksporteblaj varoj. Aliaj trafu!

Mi simple sugestias. EŬMA (Zaragozo)

# Internacia Arkeologia Tendaro

## por Esperantistaj Studentoj en Danlando 3-17 Julio

La grava dana studentorganizaĵo DANA INTERNACIA STUDENTKOMITATO, kunlabore kun Studenta Esperanto-Klubo en Kopenhago, aranĝis pasintan someron sukcesplenan arkeologian tendaron, ĉe la vikinga fortikaĵo Aggersborg.

Kvankam la dana registaro nuntempe multe ŝparas, pro malfacilaj ekonomiaj cirkonstancoj, oni tamen decidis subvencii internaciajn arkeologiajn tendarojn, por studentoj, aranĝotajn somere 1951.

Tial DIS kaj SEK ĉi somere ankaŭ aranĝos arkeologian tendaron por esperantistaj studentoj, kun tre alloga programo.

La tendaro okazos 3-17. Julio en la insulo Bornholm —la dana paradizo— apud la vilaĝo Dalshoj. Sub gvidado de arkeologoj de Nacia Muzeo en Kopenhago, la partoprenantoj aktive partoprenos en la elfosado de domoj el la frua ferepoko.

Post la restado en Bornholm, SEK kaj DIS aranĝos restadon en Kopenhago por la partoprenantoj. (18.-22. Julio).

La tendaron povos partopreni gestudentoj, altlernejanoj, seminarianoj, instruistoj ks. Por ĉio (krom la posta restado en Kopenhago) oni pagos 40 danajn kronojn, sed poste la partoprenantoj ricevos 32 d. kr. do la 2-semajna restado kostos nur 8 (ok) danajn kronojn. Tia malalta prezo nur estas ebla pro ampleksa ŝtata subvencio. Petu detalan programon aŭ sendu aliĝon ankoraŭ nun, plej rapide, al

**DANA INTERNACIA STUDENTKOMITATO**
**LA UNIVERSITATO**
**Sct. Pederstrade, 19 KOPENHAGO K (Danlando)**

# INTERLINGVA PARALELO

## ORIGINALO

Ĝis antaŭ okdek jaroj, Japanio dum longa tempo estis tute izolita de la ekstero. Kaj japanoj, kvankam sekvante la okcidentan civilizon kun grandaj paŝoj, havas ankoraŭ tamen en sia vivo multajn malnovajn kutimojn el kiuj kelkaj, kvankam strangaj kaj neoportunaj, estas radikiĝintaj en la vivo tiel forte, ke ilin forigi aŭ ŝanĝi estas tre malfacile.

**El artikolo de japana esperantisto Rihej Nomura**

## TRADUKO

**Hasta hace ochenta años, el Japón durante largo tiempo estuvo completamente separado del exterior. Y los japoneses, aunque siguiendo la civilización occidental a grandes pasos, tienen todavía sin embargo en su vida muchas viejas costumbres, de las cuales algunas, aunque extrañas e inoportunas, están enraizadas en su vida de manera tan fuerte, que suprimirlas o cambiarlas es muy difícil.**

**De un artículo del esperantista japonés Rihey Nomura**

# FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## SECRETARIA

Habiendo sido aprobados por la Superioridad los nombres de los directivos, elegidos para cubrir las vacantes existentes, y habiendo tomado ya todos ellos posesión de sus cargos, la nueva Junta Directiva ha quedado, desde el día de la fecha, así constituída:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Presidente | — | **D. Daniel Llorens Sastre** | — | Valencia |
| Vice-Presidente | — | **D. José Anglada Prior** | — | Barcelona |
| Secretario | — | **D. Vicente Santamaría Lloréns** | — | Valencia |
| Vice-Secretario | — | **D. Sebastián Chaler Arnau** | — | Tarrasa |
| Tesorero | — | **D. Francísco Roglá Orrico** | — | Valencia |
| Vocal 1.° | — | **D. José Guzmán Guzmán** | — | Valencia |
| Vocal 2.° | — | **D.ª María Casasnovas Jarreta** | — | Zaragoza |
| Vocal 3.° | — | **D. Miguel Rivas de Pina Vives** | — | Santander |
| Vocal 4.° | — | **D. Fernando Monserrat Boronat** | — | Barcelona |



# HISPANA KRONIKO

**CALLOSA DE SEGURA.**—Specialan mencion kaj gratulon meritas la samideanaro de tiu simpatia urbeto en la sudo de la Valencia regiono. La daŭraj klopodoj de kelkaj malnovaj amikoj, gvidataj de la vigla kaj ĉiam aktiva propagandisto M. López Serna, fruktigis la semon sur tre bona grundo. Pluraj kursoj kapabligas novajn alvenintojn en niajn vicojn laŭ maniero ke, kiel rezulto, fondiĝis oficiale grupeto en la dirita industria urbeto. La fervoro de la tieaj batalantoj estas bone konata de ni; tial ni forte esperas, ke baldaŭ ilia laboro estos unuaranga, kun oportuna influo en la najbaraj vilaĝoj ĉe la tuta distrikto. Kaj certe la fruktoj estos tiel elstaraj, kiel tiuj de la belaj palmoj, kiuj pompas en la pitoreskaj ĉirkaŭaĵoj de Callosa de Segura.

# BONA HUMORO INTER VOJAĜO KAJ MANĜO

## KLASA DIFERENCO

Foje, vojaĝanto iris en vilaĝon. Kiam li bezonis iri de tie en najbaran urbeton, li petis la koston de la bileto ĉe la aŭtobusoficejo. La oficisto demandis:

—Ĉu por unua, dua aŭ tria klaso?

—Kia estas la diferenco?

—Ho, la diferencon oni rimarkas nur, kiam oni venas en la interkrutejon.

—Ĉu?

—Jes, la unuaklasaj veturantoj rajtas resti sidantaj. Duaklasaj devas desalti por malplipezigi la aŭtobuson.

—Kaj la triaklasaj?

—Tiuj devas nepre antaŭenpuŝi!

## HIGIENO

Ekskursantoj trafis restoracieton, ĉe la pinto de kruta monto, kun tiom da malsato kiom da laciĝo.

Kiam unu el ili elmanĝis plenan teleron da kokido en tomata saŭco, li trovis longan haron en la telero. Li vokis la knabon, kiu kelneris, kaj diris tute kolerigite:

—Alportu tuj plian manĝaĵon kun iom pli da higieno!

La juna montarano heziteme konsultis sian patrinon:

—Tie estas sinjoro, kiu petas plian manĝaĵon kun pli da higieno. Kio estas tio?

Stultulo! Li deziras, tute sendube, pli da kokido kaj malpli da tomato.

**D-ro CIRANO**



## PROGRAMO DE NIA KONGRESO

**28 JULIO - SABATE**

Je 11 - Renkontiĝo de la kongresanoj.
» 11'30 - Akcepto ĉe la urbodomo kaj solena Malfermo.
» 12'30 - Koncerto de la Urba Muzikistaro kaj komuna fotografado.
» 13 - Aperitivo-trinkado kaj Malfermo de la Esperanto-Ekspozicio.
» 17 - Unua laborkunsido.
» 19'30 - Vizitoj al la Industria Lernejo kaj Muzeo de Soler Palet.
» 22'30 - Muzika Vespero.

**29 JULIO - DIMANĈE**

Je 10 - Diservo ĉe la romanika preĝejo de Sankta Petro kun prediko en Esperanto.
» 12 - Literatura Konkurso.
» 14 - Oficiala bankedo.
» 16 - Muzika Koncerto.
» 18 - Dua laborkunsido.
» 22 - Folklora Prezentado.

**30 JULIO - LUNDE**

MATENE - Vizitoj al la urbaj vidindaĵoj kaj al diversaj institucioj.
POSTTAGMEZE - Ekskurso per aŭtobuso al la fama monto Montserrat.

## ANTAŬKONGRESAJ ARANĜOJ EN BARCELONO

**27 JULIO - VENDREDE**

### ESPERANTA MEDICINA KUNVENO

Aranĝita de Kuracista Esperanto-Asocio (Filio de la Hispana Federacio) en konvena rilato kun D-ro R. Torres Carreras.

La kunveno okazos, antaŭvespermanĝe, en la Akademio de Medicinaj Sciencoj.

### INTERKONA KUNVENO

Ĝi okazos, postvespermanĝe, en la sidejo de **"Cooperativa de Tejedores" str. Teruel, 26 (Gracia).**

**EKSTERLANDAJ SAMIDEANOJ:**

## BELA KONGRESMATERIALO JE VIA DISPONO

Arta afiŝo kvarkolora (50 x 34): unu resp. kuponon
Du poŝtkartoj kun la sama bildo: unu resp. kuponon

## LASTHORE: LA FERVOJA RABATO JAM ATINGITA!

Fine, ankaŭ ni sukcesis en tio. Sekve, ĉiu kongresano povos profiti la atentindan rabaton de 25 % en siaj vojaĝkostoj, ĝis Tarrasa, laŭ speciala karto, kiun ĉiu ricevos.

# INTER LA PROZ(

La somero vekiĝis kun sia kortego de ŝvito kaj varmo. Sub la peza efiko de tiuj atributoj, la homoj sopiras avide al kutima feria ripozo, kiel damnitoj sopiras al ĝuoj de ŝlosita edeno. Pro kulmino, verŝajne, de tiu spirita strebado, mi perceptas strangajn vibrojn ĉe la ondoj, kiuj en aero petolas, kvazaŭ ĝentilaj lulantoj de homaj aspiroj aŭ revoj, eĉ kiam aspiroj kaj revoj ne prenas facile la formon de efektivaj faktoj. Tamen, tute certe, en la daŭra vibrado, nun venanta en la foran angulon de mia izolejo, troviĝas la blovo de aparta deziro, kiu, nepre kaj baldaŭ, fariĝos realo pro la forto de obstino, persisto kaj volo. Jes, la hispana esperantismo, en febra preparo, desegnas vojon sur lazuron, per aklamoj kaj vokoj, same kiel ĝi signalas sur tero, per brilkoloraj afiŝoj, la direkton al la urbo elektita nunjare por sia nacia kongreso.

Dum mallonga daŭro, tie renkontiĝos malnovaj kun novaj amikoj, inter kies nombro, kiel ordinara kongresano, maskita per la literoj de vulgara nomo, ankaŭ mi mem partoprenos en diskutoj kaj amuzoj. Sed... mistera estaĵo mi estas, kaj ne por nenio mi lasos la pacon de mia dometo en arbaro, ĉar mi klopodos kaj penos kaj zorgos, uzante la ekstrajn rimedojn de mia duobla naturo, ĉies pensojn kaj sentojn kunligi en premitan faskon de unu sola celo: Puŝi antaŭen la stelon de nia movado tra la tuta lando, vigle laborante sen eksmodaj diletantismoj, nek mallarĝaj konsideroj, sed kun fiksa nur atento al la ĝenerala utilo, por gajni la simpation de vastaj sociaj tavoloj, Sekve, do, inter vi, mi ludos, laboros kaj ŝercos persone, kvankam ne sciante, ĉu vi min rekonos en homa figuro; sed per la frukto oni konas arbon kaj per la stilo oni konas aŭtoron. Kaj, por iel vin helpi en la serĉo, jen ankoraŭ plia specimeno de la stilo mia, en la okupo recenzi gazetojn, kiuj en ordo tiel vicas hodiaŭ:

AMERIKA ESPERANTISTO, en rolo de norda reprezentanto de la juna kontinento, marŝas fronte en la defilo kun sia plaĉa eksteraĵo kaj trafa enhavo, kiu, precipe en angla lingvo, celas konvinki la

## 12ª HISPANA KONGRESO DE

En la antaŭtagoj de nia landa renkonto, la Org
aliĝon! Ne atendu ĝis lasta momento, ĉar, por
dormi en tendo, devas TUJ sin turni al la Ko
Kelkaj eksterlandaj gesamideanoj anoncis sian

DO, NE HEZITU PLU! PR

# DE LA ESPERANTISTA GAZETARO

tiean popolon. Leginda estas, kun aparta ĝuo, la enlanda kroniko. kie oni raportas pri gravaj ŝtataj postenoj al kelkaj usonaj samideanoj, kaj pri kelkaj geedziĝoj inter membroj de la Asocio. De Usono ankaŭ venas vizito de sobra sed brava socipolitika batalanto en nia lingvo, S.L.P. FOLIO estas la organo de multjare hardita laborula organizo, saĝaj estas jenaj vortetoj, kiujn mi elstarigas: «La volo akcepti la decidon de plimulto, eĉ kiam oni troviĝas en malkonsento al la decido, markas la civiliziton». VOĈO ESPERANTISTA, la gazeteto por gejunuloj de Urugvajo, venas kun la bela ornamo de tre artaj lignogravuraĵoj faritaj mem de infanoj. BRAZILA ESPERANTISTO svingas siajn optimistajn paĝojn, kiuj flirtas kiel venkantaj flagoj super la tuta vasteco de la belega lando, kie Esperanto havas solidan bazon, danke al la lerta gvidado de koncernaj respondeculoj. La laste veninta kajero, interesa kaj tre ampleksa, sin garnas per grandaj kliŝoj kun la bildo de la monumento starigita al D-ro Zamenhof, en parko de Belo Horizonte. BULTENO de Argentina Esperanto-Ligo raportas plene detale pri siaj internaj aranĝoj; cetere, en hispana lingvo, ĝi informas pri la stato de nia movado en la tuta mondo. ECO estas bonega ilustrita revuo de argentina organizo, kies devizo estas tri konkretaj vortoj: «Esenco, Cerbo, Ordo». Ĝi eniras jam en sian trian jaron; kaj, kvankam privata entrepreno, ĝi estas tie, en Ameriko, tre grava Esperanto-gazeto. En la lasta numero, aperas intervjuo kun ĉina samideano, katolika pastro J. B. Se-Tsien Kao, ĉar liaj diroj estas treege utilaj, mi influos por represi ilin. Per imaga vojaĝo, renkonte al la suno, jen mi sidas denove en Eŭropo. THE BRITISH ESPERANTIST, la serioza kaj bontona organo de niaj britaj samideanoj, kiel ĉiam, flegme sed konvinkige, pledas por nia afero. En la enkonduko de humora artikolo, mi legas: «Oni ofte diras, ke la esperantistoj havas propran kulturon. Akceptante tion, ni miras, ke ĝis nun ne aperis libro, pritraktanta la esperantan etiketon, laŭ modelo de la etiketolibroj en naciaj lingvoj, kiuj informas nin kiel dece agi ĉe festoj, ceremonioj kaj solenaĵoj». THE WORKER ESPERANTIST postenas senlace je la servo de la laboruloj, kaj ĝi lerte rolas per flua lingvo kaj taŭga aranĝo. Mi kvitancas la ricevon de atentinda folio «Deklaro pri Principaro». ESPERANTO EN SKOTLANDO, bulteno disradianta sanan gajecon kaj, tamen, sciencan enhavon pri lingvistikaj temoj, estas ŝatata legaĵo, kiam enuo intencas min kapti. En frontartikolo, oni argumentas pri kelkaj tro facilaj asertoj: «La simpleco de Esperanto estas gramatika simpleco; sed la gramatiko estas nur la bazo de la lingvo. Oni povas parkeri la gramatikon en tre mallonga tempo, sed oni povas studi la lingvon dum sia tuta vivo, kaj tamen ne tute ellerni ĝin». BRITA KATOLIKO, plene responda al sia nomo, aldonas pliajn meritojn al sia plej imitinda aktiveco. En Nederlando, la movado fluas sen stagno. LABORISTA - ESPERANTISTO daŭras en sia admirinda zorgo perfektigi pli kaj pli la funkciadon de ĉiuj branĉoj de tiu modela organizo, kiu ĵus jubileis sian 40-jaran ekziston. Koran gratulon al ĝi! SENNACIULO, obstina herezulo, estas fakte afabla kamarado, preta servi ne nur la specifajn postulojn de sia ĉefa idealo, sed ankaŭ aliajn malpli gravajn, sed tre utilajn. Al ĝia baldaŭa kongreso en Stokholmo, mi deziras plenan sukceson!

Tiu sincera esprimo estu broĉo de mia babilo, kiu, inspirita en la daŭra vibrado de sopiroj kaj pensoj al feria somera ripozo, sin lasis luli de la samaj aspiroj aŭ revoj, kiujn homoj karesas, dum iliaj muskoloj streĉe laboras. Kaj, rigardante la vojon, kiun signas la gajaj koloroj de afiŝo vokanta al la festo nacia de la esperantismo, oni sentas specon de agrabla skueto antaŭ la emocioj, kiujn oni spertos kaj oni travivos en la plaĉa medio de la renkontejo por la granda rendevuo, kien sub la formo de normala vulgara persono, por saluti vin kaj vin akompani kaj vin alparoli, certe iros ankaŭ **LA LEGEMA KOBOLDETO**

## ESPERANTO en TARRASA (Barcelono) - 28-29-30 Julio 1951

aniza Komitato jam sendis al ĉiuj membroj aliĝilojn, kun informoj pri loĝado. Ne prokrastu vian taŭga aranĝo de la gastigado, urĝas scii la gustan nombron de vizitontoj. Ĉiuj, kiuj deziras mitato aŭ al la speciala komisiito: S-ro Federico J. Sanfeliz - Marqués de Caro, 10, 5.ª, Valencia. viziton, kio donos internacian karakteron al nia nacia Kongreso, en mezo de agrabla atmosfero.

ENU LA DECIDON, KIU ESTOS DEVIZO DE VIA FERVORO: **AL TARRASA!!**

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● AUSTRIA.—Con motivo de la inauguración en «Internacia Esperanto-Muzeo» de una sala recordatorio de los esperantistas pioneros del movimiento, bajo el título de «Panteono», se organizaron en Viena diversos actos esperantistas; entre ellos, se ofició el 20 de mayo una misa con sermón en la lengua auxiliar. «Landesfremdenverkehrsamt» (Landhaus, GRAZ) ha publicado los folletos turísticos «Vintro en Stirio» y «Schatztruhe des Urlaubs» en cinco idiomas, uno de los cuales es el Esperanto. También la Oficina de Turismo de Salzburgo ha publicado dos nuevos folletos con interesante texto en este idioma.

● ALEMANIA.—Las siguientes ciudades alemanas tienen rotulada una calle, plaza o avenida con el nombre del Doctor Zamenhof, creador de la lengua auxiliar: Bad Neuenahr, Dresden, Duseldorf, Munich, Olsmitz, Russelsheim, Frohburg, Gross-Posnab y Leipzig.

● NORUEGA.—«Folkets Brevskole», academia de enseñanza por correspondencia, subvencionada por el Estado, para la difusión cultural entre la clase adulta y trabajadora del país nórdico, ha introducido entre sus materias de estudios también el Esperanto.

● HOLANDA.—El Club Esperantista «Philips» de Eidhoven, sede de la fábrica de radiotelefonía y aparatos eléctricos, mundialmente conocida, cuenta ya con la inscripción de treinta y cinco operarios con el complemento, además, de quince familiares.

«Consideraciones geométricas sobre movimientos en un espacio Euclidiano», tesis doctoral ante la Universidad de Leiden, del doctor en ciencias matemáticas, C. P. S. van Oosten, lleva un resumen en Esperanto y unas acertadas y documentadas consideraciones sobre la utilidad de la lengua auxiliar en el campo de las investigaciones científicas.

● INGLATERRA.—En veintiuna escuelas del país, mil qninientos alumnos están aprendiendo el Esperanto, como consecuencia de la autorización del Ministerio de Educación para la enseñanza de la lengua auxiliar durante las horas de escolaridad.

● MEJICO.—Ha quedado constituída la «Esperanto-Meksika Asocio» (calle San Juan de Letrán, 6, 2.° piso, oficina 224, MEXICO, D. C.) a raíz de los cursos de Esperanto desarrollados con gran florecimiento y magnífico resultado en aquella capital.

● ARGENTINA.—Tanto el diario «La Razón» como la emisora «Radio El Mundo» se hicieron eco de diversas informaciones con motivo del Día Universal del Esperanto.

También «Radio Belgrano» radió una emisión dedicada al Doctor Zamenhof.

● BRASIL. En la ciudad de Joao Pessoa se ha rotulado con el nombre de «Avenida Esperanto» una de las vías de la población. En el Estado de Río Grande del Norte, cumpliendo una ley aprobada por la Cámara Legislativa, el Departamento de Educación ha autorizado la enseñanza del Esperanto en todas las escuelas nacionales.

En Cabedelo existe un pasquín escrito en Esperanto, con una salutación dedicada a los viajeros que, desde todas las latitudes del mundo, llegan a aquel puerto.

Con ocasión del 91° aniversario del nacimiento del Doctor Zamenhof, se celebraron varios actos esperantistas en el país. En Belo Horizonte (Minas Gerais) se inauguró un busto en honor y memoria del autor del idioma auxiliar, que se ha erigido en un bello jardín público, ante el Grupo Escolar Baráo de Macaúbas. En Recife (Pernambuco) se organizó una exposición de libros y documentos esperantistas, muy visitada por el público. En Macaé (Río de Janeiro) se inauguró con gran brillantez la «Biblioteko Zamenhof».

En su viaje de Hong-Kong al Perú, y después de su paso por los Estados Unidos, el misionero Padre Juan Bautista Se-Tsien Kao, O. F. M., visitó el Brasil del 16 al 28 de Noviembre, siendo recibido por el Presidente, General Dutra, en audiencia especial. El Padre Kao, eminente esperantista, pronunció durante su estancia varias conferencias en la lengua auxiliar: en la Facultad de Filosofía, sobre «El idioma chino y la educación en China», y en el local central de Acción Católica, sobre «La religión católica en China».

● URUGUAY.—El Consejo Nacional de Instrucción ha decidido iniciar un curso de Esperanto, en forma facultativa, en el Instituto Educacional, de Montevideo. Nos place la medida, pues con la formación de un plantel de maestros esperantistas la difusión del idioma auxiliar en aquel culto país sudamericano adquirirá prontamente un gran impulso.

---

**¡Con el Esperanto no existe sometimiento a ningún idioma extranjero!**

## LA STUDENTO

**NOVA GAZETO INTERNACIA**

Danlando, kiu jam donis al ni la imponan «Esperantologio», nun elpaŝas kun nova internacia gazeto, kiun vartas areto da kompetantaj samideanoj. Temas pri «La Studento», eldono de Esperanto-Federacio de Danaj Altlernejanoj kaj Studenta Esperanto-Klubo en Kopenhago, kun internacia kunlaborantaro. Ĝin redaktas Johs. Vesterland-Andersen, jam famulo en la studentaj rondoj de Esperantujo, kiel redaktisto de «SEK» kaj kiel bona prelegisto.

Jes, studentoj bezonis sian heroldon en Esperantujo, kaj jen ĝi ĵus aperis!

Dumonata, 12-paĝa, sur bonega papero, bele ilustrita, interese kaj science de kaj por studentoj aranĝita; ĝi jam nun estas bonulo, al kiu ĉiuj esperantistaj studentoj devas amikiĝi kaj ĉiel subteni.

Hispanoj povas ĝin aboni kontraŭ pago de 15 (dek-kvin) pesetoj al:

**JUAN RÉGULO PÉREZ**

LA LAGUNA. Tenerife - Islas Canarias

*kiu volonte donos pliajn informojn al interesatoj.*

## Ricevitaj Libroj

MARISTA TERMINARO, de Komandanto Peter Clissold. Eldonita de U. E. A. 62 p. 15 x 12 cm. 1 ŝil. 6 pencoj, aŭ 5 respondkuponoj.

**Tre bela, utila, kaj interesa estas la nova fakterminaro, kiun la veterana organizo prezentas al la esperanta publiko. La riĉa enhavo koncernas la terminojn pri Astronomio, pri administrado kaj organizo de ŝipoj, laŭ diversaj specoj: ŝipkonstruo, maŝinaro, manovroj, signaloj, havenoj, tabelo de komparaj mezuroj, k. t. p. La diritaj terminoj sekvas, laŭ aboca vico, en Esperanto kun tradukoj: angla, franca, germana kaj hispana. Kelkaj kompetentuloj, maristoj aŭ profesoroj, helpis al komandanto Clissold en la laboro. Kelkaj vortoj estas iom strangaj. Ekzemple: "Greniĉa Meridiano". Ĉu ne estus pli facile komprenebla kaj rekonebla "Grenviĉa Meridiano"? Tamen, ekster ĉia dubo, la verko nur meritas laŭdojn. La belaj kaj oportunaj bildoj plivalorigas la libron kaj kompletigas la utilon de ĉi tiu faka konsultilo, kiu, kun plaĉa aspekto, nun estas jam havebla en nia lingvo internacia.**

**JOSE GUZMAN**

**NAŬLINGVA ETIMOLOGIA LEKSIKONO** Louis Bastien.-2ª eld. The Esperanto Publishing Company, Londono, 1950. 317 paĝoj.-Prezo, 12 ŝ. 6 p. angla mono.

Plej amike, eĉ se tamen nete konteste, mi esprimis mian opinion pri la pretendaj hispanismoj en Esperanto, kiujn klarigadis s-ano Azor sur la paĝoj de ĉi tiu gazeto mem. Ne necesas reveni al la temo, ĉar la jarkolekto de 1950 enhavas niajn respektivajn tezojn, sed ĉi tiu verko iel aktualigas la demandon. Certe, tasko de etimologo de Esperanto estas apudigo de vortoj kaj esprimoj el la ĉefaj lingvoj, kiujn Zamenhof kaj la postea lingvouzo disponigis kiel fontojn, inter kiuj, certe pli grava ol la portugala, hispana kaj itala, estas la pola, kiu mankas en la leksikono kaj kiu pruviĝis ne malofta ĉerpejo zamenhofa.

Por la etimologio de Esperanto, do, la verko kape citata, nia ĝis nun unuanura preskaŭplena etimologia vortaro, estas gravega laboraĵo kun trafa bildigo de la etimologiaj trajtoj kaj faktoj de nia lingvo.

Kompreneble, tiom ampleksa verko, eĉ ĉe sia dua eldono —pli elvolvita kaj kun referencoj, kiujn laŭdire la unua ne posedis (tiun mi ne konas)—, ne estas tamen tute senriproĉa. La apudigoj ne estas ĉiam trafaj kaj ĝustaj. Ĉar mankas al mi spaco, mi citu solan ekzemplon: la aŭtoro paraleligas al esp. **beko** latinan **beccus**. fr. **bec**, it. **becco**, hisp. **pico** (kun sendo al antaŭmetitaj «Fonetikaj Rimarkoj», en punkto, ĉe kiu oni aludas interŝanĝon de labialoj; sendo, kiu estas misa, ĉar tiu interŝanĝo estas fremda al la hispana fonetiko), port. **bico**, ktp. Nu, ĉi-okaze la hisp. **pico** venas ne de **beccus**, sed de hipoteza **pikkare** «piki», kiu donis la francan **piquer**, hisp. **picar**, ktp., el kiuj derivas hisp. **pico/pica**, it. **picco/picca**, katalune **pic/pica**, ktp. Dume **beccus**, galla (=prafranca), ne latina vorto, postvivas je it. **becco**, hisp. **bico**, port. **bico**, ktp. Tiaj misaj apudigoj, bedaŭre, ne estas maloftaĵoj en la verko.

Alia riproĉeblaĵo, se ne tiom grava, almenaŭ sufiĉe ĝena por hispanlingvuloj, estas la zenzorga, ofte kruderara ortografio de la hispanaj vortoj. Jen, la portugala estas nek pli facila nek pli internacie konata, kaj tamen ĝi aperas en la verko pli laŭa, kvankam ne tute senmanka. S-ro Bastien devus esti sin helpinta de hispana fakulo, kiel li faris por la portugala.

Malgraŭe, oni povas kaj devas esti fiera kaj kontenta pri tia libro, serioza kaj ne malhavebla fonto por studemuloj de la bazoj de nia leksikono kaj, per ĝi, de nia lingvo, kiu ĉefe kaj fundamente estas leksikona. Gratulon sinceran kaj dankan al la aŭtoro kaj al la eldonejo!

**J. RÉGULO PÉREZ**

# ☆ LA LERNEJO

**PRILINGVA RUBRIKO**

Denove mi devas respondi demandon de S-ro Arizmendi rilate la frazon «Densa popolamaso staris ĉirkaŭ la oratoro». La de vi uzita, anstataŭe, «Densa popolamaso ĉirkaŭadis la oratoron» estas korekta, sed sufiĉas «ĉirkaŭis» anstataŭ »ĉirkaŭadis», ĉar en tiu kazo ne estas necese uzi la sufikson **ad**. Por klarigi la sencojn de la sufikso **ad** estus necesa tre longa artikolo, kiun mi lasas por alia fojo. Sed mi hodiaŭ nur skribas pri unu el ĝiaj aplikoj: por montri longdaŭran agon. Ekz.: «La oratoro paroladis», tio signifas, ke li longe parolis. Tamen plejfoje, eĉ kiam la ago estas tre longa, ne necesas uzi tiun sufikson, se la kunteksto jam montras tion. Ekz.: «La artilerio pafis la tutan nokton». En tiu frazo ne estas necese uzi la sufikson **ad**, ĉar oni jam komprenas, ke la ago daŭris, tial ke temas pri la tuta nokto. Tiamaniere ankaŭ oni mallongigas vorton, kio estas leĝo, kiun Esperanto nature sekvas, same kiel la naciaj lingvoj.

**JUAN BOSCH**

## PARA NUESTRO BOLETIN

**(Donativos correspondientes a JUNIO 1951)**

| | |
|---|---|
| **Suma anterior** | **649 Ptas.** |
| **Juan Devís (Valencia)** | 10 » |
| **Pedro Alcedo (Bilbao)** | 5 » |
| **Salvador Martínez (Tabernes de Valldigna)** | 25 » |
| **Manuel Alamo (Valverde)** | 8 » |
| **Antonio Marco (Zaragoza)** | 10 » |
| **Carlos Belzer (Torrente)** | 25 » |
| **Julián Aguilar (Valencia)** | 10 » |
| **Francisco Santacruz (Barcelona)** | 10 » |
| **Francisco Pla (Valencia)** | 10 » |
| **José Ibáñez (Valencia)** | 75 » |
| **Francisco Alsina (Barcelona)** | 50 » |
| **Total** | 887 » |

**En la relación de este mes, resaltan los donativos de algunos amigos; tanto a estos, como a los que de modo más modesto contribuyen también a superar el déficit, expresamos desde aquí las gracias más sinceras.**

Tenemos a la venta los siguientes libros en Esperanto, que recomendamos:

| | |
|---|---|
| Synnove Solbaken, de Bjornson. . . . . . | a 15 ptas. |
| La Naiveco de Pastro Brown, de Chesterton. | a 35 » |
| D-ro Dorner, de Egerrup . . . . . . . . | a 40 » |
| Fundamenta Krestomatio, de Zamenhof. . . | a 45 » |

**PEDIDOS A:**
HISPANA ESPERANTO - FEDERACIO
**RUZAFA, 7 VALENCIA**



## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

SALVADOR MARTINEZ. — Strato de José Antonio, 15-2.°, Tabernes de Valldigna (Valencia), deziras korespondi pri diversaj temoj, precipe komercaj.

RINGOJN de CIGARO kaj ALUMETETIKEDOJN tutmondajn mi kolektas kaj interŝanĝas kontraŭ sama kvanto. Gesamideanoj tutmondaj: bonvolu sendi al mi tiun materialon. Miguel Cots, General Sanjurjo, 108, Tarrasa (Hispanio). Respondo garantiata.

ESPERANTISTAS DE VALENCIA: Deseo adquirir algún sobre o postal con el matasellos «Laborista Internacia Esperanto-Kongreso. 3-8 Aŭgusto 1934». Pagaré o recompensaré adecuadamente. Escribid a Ramón Molera - Hospital, 13, MOYÁ (Barcelona).

Johannes THOMA - Armsheim-Rhh. (Germanio) dez. koresp. kun hisp. geamikoj.



IMPORTANTE: **Tenemos a la venta y podemos servir seguidamente**

**GRAMATICA, EJERCICIOS Y DICCIONARIO DE ESPERANTO**

**Método práctico para aprender dicho idioma**

***de José Anglada Pior***

**Precio, incluído franqueo: 12 pesetas ejemplar**

**Pedidos a nuestra dirección Ruzafa, 7 - Valencia**

***Esperamos que este material podrá ser empleado eficazmente para intensificar, en nuevos cursos, la rápida difusión y completa enseñanza del idioma***